Action pour le Progrès de l'Espéranto au Togo
APETo

# Babilanto

INFORMILO DE AGADO POR LA PROGRESIGO DE ESPERANTO EN TOGOLANDO

N-ro 02 januaro—marto 2013

## Kelkaj vortoj



Jen venis la tempo por adiaŭi la jaron 2012 kaj bonvenigi la novan jaron! Dankegon, ke vi estis kun ni antaŭe. Ni tre esperas revidi vin ankaŭ en la nova jaro 2013! Ni daŭre strebos por pliriĉigi kaj plibonigi la paĝojn de nia revueto per informoj pri la agado de Afrikanoj en ilia kontinento. Sed pro tio ni tre bezonas ankaŭ vian helpon! Ĉiuj viaj konsiloj, sugestoj, kritikoj kaj proponoj estas pli ol bonvenaj. Verku, se vi mem pretas kontribui, kun plezuro kaj respondeco ni publikigos viajn artikolojn en niajn paĝojn.

Ni bondeziras, ke la jaro 2013 alportu al vi kaj via familio pacon, trankvilon, bonfarton kaj plensukceson en viaj projektoj! Ĝis la revido en Aprilo!

**Adjévi Adjé**

## *Quelques mots*

*Voici venu le temps, de dire au revoir à l'année 2012 et d'accueillir la nouvelle année! Un grand merci parce que vous avez été avec nous auparavant. Nous espérons vivement vous revoir aussi dans la nouvelle année 2013! Nous nous efforcerons continuellement pour enrichir davantage et améliorer les pages de notre petite revue par le biais des informations sur les actions des Africains sur leur continent. Mais pour cela nous avons aussi besoin de votre aide! Tous vos conseils, suggestions, critiques et propositions sont les bienvenus. Rédigez, si vous êtes prêt à contribuer, nous publierons avec plaisir et responsabilité vos articles dans nos pages.*

*Nous souhaitons que l'année 2013 apporte à vous et votre famille, la paix, le bien-être et plein de succès dans vos projets! Au revoir et à la prochaine!*

***Adjévi Adjé***

# Esperanto en la kulturdomo Mytro Nunya

Post kelkaj klopodoj kaj preparoj, diskutrondo pri "Esperanto kiel lingvo neŭtrala kaj justa" okazis en la kulturdomo Mytro Nunya en la ĉeesto de la direktoro, Zoul.

Dum pli ol plena horo, Kossi Nouwoatsi Sénam kaj mi klarigis pri la historio de esperanto, pri ĝia funkciado de pli ol 125 jaroj, pri la ebloj vojaĝi malmultkoste per ĝi, partopreni al internaciaj renkontiĝoj, havigi geamikojn, malkovri aliajn kulturojn ĉie en la mondo kaj legi, aŭskulti muzikojn, eĉ studi per ĝi. Sekvis debatoj ĉe la fino de la prezento. Entute partoprenis ĉirkaŭ deko da homoj, kiuj estis neniuj krom la laborantoj de la domo.

La prezento okazis en la franca lingvo, sed ne nur en ĝi ĉar ni uzis vortojn esperantajn, jen por montri la prononcadon, jen vortfinaĵon. Mallonge, ni elmontris kelkajn argumentojn por lerni esperanton kaj la utilon, kiun oni povas tiri el esperanto-lernado al la ĉeestantoj.

La vizito de Klara Lauffenburger esperantistino el Straburgo al la centro antaŭe kaj disdono de niaj simplaj flugfolioj al ĝiaj laborantoj fare de ŝi estis ege helpa kaj estas klara ekzemplo, ke la lingvo funkcias inter popoloj de malsamaj etnaj lingvoj.

Nia elpaŝo certe atingis la celon konigi esperanton kaj laŭeble akceptigi ĝin. La direktoro estas konvinkita pri la granda potenco de nia lingvo, kiu estas interhelpo kaj solidareco internaciskale kaj li akceptis havi kunagantan rilaton kun ni kaj tuj membrigis nin al la diskutlisto de la centro. Li eĉ pretas projekti filmon pri esperanto kun granda publiko en la centro, kaze ke ni havos materialon. Esperantistoj franclingvanoj, do, dankon sendi al ni ajn dokumentan filmon aŭ pli precize filmon de Dominique Gautier de SAT.

La centro Mytro Nunya situas en la periferio de Lomeo, ĉe la limo de la kvartaloj Soviepe kaj Adidogome. Ĝi estas samtempe kvartala domo, apudeca centro, kuturdomo, esplorejo kaj informejo pri la alternativoj. Malfermita en aprilo 2010, ĝi celas bonvenigi kaj akompani malsamajn iniciatojn pri interŝanĝoj, eltrovoj, formadoj, el la proponoj



de la enloĝantoj de la kvartalo, je ilia profito.

Tri ĉefaj indikoj orientigas la aktivecojn de la domo: a) alternativaj kaj eksterpartiaj informadoj; b) agro-ekologio kaj nutraĵa suvereneco; c) internacia solidareco kaj amikeco inter la popoloj. Certe vi nun komprenas kial tiaj paŝoj niaj estos pli oftaj al kulturdomoj en Togolando kaj povos vere kontribui al la disvastigo de nia lingvo. La venonta domo, kiun ni vizitos kaj kun kiu ni starigis unuan kontakton estas STEJ Togo. Legeblas informoj pri ĝi en la reto: www.stejtogo.org



# Kontribuo de togolandano al nia literaturo

Adjévi ADJE

El togolanda saĝosako

Monda Asembleo Socia (MAS)

*A l'instar de la plupart des écrivains africains ayant le désir de sauvegarder les principes et les valeurs africains à travers leurs diverses écritures, Adjévi Adjé a fait la collection des différentes formes de l'oralité. Le retard de la forme écrite en Afrique constitue une importance attribuée aux vieux sages, aux griots et aux rois qui sont les garants de la tradition, des us et coutumes. Les tenants de la tradition orale restent éventuellement les gens en milieux ruraux ; il s'agit aussi bien des plus âgés que les moins âgés se regroupant dans des circonstances spécifiques définissant le contexte de profération c'est - à-dire le soir pendant la saison sèche , autour du feu, à la place publique ou la cour royale. Notre approche critique portera sur deux enjeux essentiels à savoir les motivations d'une telle écriture et le choix linguistique.*

*Avant le développement de tout concept, essayons de considérer cette pensée de Généviève CALAME-CRIAULE, un socle pouvant nous permettre de déceler le parcours d'Adjévi Adjé et les motivations de cette écriture. «Tout texte de littérature orale constitue un message transmis par un agent à l'intérieur d'un certain contexte culturel et social par l'intermédiaire d'une certaine langue. Et il doit, pour être reçu s'adresser à un auditoire en possession du double contexte linguistique et culturel». En réalité, si ni l'espéranto, ni le français n'étaient des langues originelles de l'aire culturelle à laquelle appartient Adjévi Adjé, il serait donc clair que ce manuel est préalablement transcrit dans une langue soit nationale, soit officielle bien maîtrisée par l'auteur puis traduit en espéranto puisque la tentative d'exprimer la totalité d'une réalité d'un terroir n'est possible que grâce à une langue de ce terroir. La tradition orale est l'ensemble des souvenirs collectifs d'une société qui n'a pas revêtu la forme écrite. Tenons-nous en à cette définition pour dire que l'auteur de "El togolanda saĝosako" a non seulement fait son enfance dans son village dont il a gardé les souvenirs, mais également a fait un travail de recueillement des contes légendes, mythes, proverbes et fables auprès des garants de la tradition de son milieu natal. Adjévi Adjé se serait servi de ses vieux parents dans la collection des proverbes puisque Ahmadou Hampaté Bâ nous a enseigné que les vieillards constituent une grande bibliothèque pour l'Afrique. Ainsi, le titre de l'ouvrage en témoigne en parlant d'un sac de la sagesse togolaise. En outre, ce qui motive le plus Adjévi, c'est non seulement les souvenirs conservés de son village, mais aussi l'audace et l'acharnement avec lesquels ces textes originellement oraux ont été transcrits puis traduits dans une langue, certes universelle, mais qui, faisant son chemin n'atteint pas encore sa destination. L'espéranto, malgré son universalité et sa susceptibilité d'exprimer toute pensée reste numériquement faible par rapport aux autres langues à caractère international. Sinon, combien de personnes espérantophones peut-on compter dans son village natal Anyronkopé qui constitue en quelque sorte sa source d'inspiration? A qui est donc destinée cette écriture? C'est ainsi que l'enthousiasme et la témérité d'Adjévi Adjé vont se faire valoir puisqu'il a essayé de démontrer par la preuve une certaine originalité vis-à-vis de certains écrivains africains, quant au choix de la langue.*

*L'auteur de l'ouvrage a choisi de publier des réalités purement africaines en Espéranto parce que, d'abord son intention est de promouvoir cette langue en Afrique et de s'en servir pour faire connaître ces réalités au reste du monde. Ensuite, il a voulu démontrer sa capacité et sa maîtrise de la langue. Ce livre est une valeur ajoutée aux efforts promoteurs de la culture et au fur et à mesure qu'évolue l'espéranto, ce bouquin aussi connaîtra son évolution, mais l'horizon d'attente nous en dira davantage. Enfin le souci d' Adjévi est de conserver sa culture en pleine mutation et transformation, voire en pleine disparition au profit de celle de l'occident.* ***À suivre***

Kiel la plejmulto de afrikaj verkistoj dezirantaj defendi la afrikajn principojn kaj valorojn tra siaj diversaj verkoj, Adjévi Adjé [Aĝevi Aĝe] kolektis malsamajn formojn de parolaj rakontoj. La malfruo de la skriba formo en Afriko konsistigas ion gravan, kiun oni atribuis al maljunaj saĝuloj, reĝoj kaj profesiaj kantist-rakontistoj kiuj respondecas pri la tradicio, kutimoj kaj moroj. La subtenantoj de la parola tradicio restas eventuale kamparanoj; tiel pli maljuna kiel pli juna kiuj ariĝas en specifaj cirkonstancoj, kiuj difinas la kunteksto de rakontado tio estas, la vesperon dum la malpluva aŭ morta sezono, ĉirkaŭ la fajro, en la publika loko aŭ reĝa kortego. Nia kritika ektraktado de la verko rilatos al du esencaj vetceloj nome, la motivoj de tia verko kaj la lingva elekto.

Antaŭ la klarigo de ĉiu koncepto, ni provu konsideri tiun ĉi penson de Geneviève CALAME CRIAULE, bazo povanta ebligi al ni malkovri la irvojon de Adjévi kaj la motivojn de tiu ĉi verko. "ĉiu parola literaturteksto konsistigas mesaĝon senditan de aganto ene de socia kaj kultura kunteksto pere de certa lingvo. Kaj ĝi devas, por esti ricevita adresiĝi al legantaro en posedo de duobla kunteksto lingva kaj kultura". Fakte, se nek Esperanto, nek la franca estis originalaj lingvoj de la kultura medio al kiu apartenas Adjévi Adjé, estus klare, ke tiu manlibro estas unue transskribita al lingvo ĉu nacia aŭ oficiala bone parolata de la aŭtoro poste tradukita al esperanto ĉar la provo esprimi la tutan realon de lando eblas nur per lingvo de ĉi tiu regiono. La parola tradicio estas ĉiuj kolektivaj memoroj de socio kiu ne faris la skriban formon. Ni konsideru tiun ĉi difinon por diri ke la aŭtoro de *"El togolanda saĝosako"* ne nur pasigis sian infanaĝon en sia vilaĝo, kies memorojn li gardas, sed ankaŭ faris kolektlaboron de fabeloj, legendoj, mitoj, fabloj kaj proverboj fare de respondeculoj pri la tradicio de sia devena medio. Adjévi Adjé supozeble profitis el liaj maljunaj gepatroj dum la kolekto de proverboj ĉar Ahmadou Hampaté Bâ instruis nin, ke la maljunuloj konsistigas grandan bibliotekon por Afriko. Tiel, la titolo de la libro atestas tion parolanta pri sako de togolanda saĝeco. Krome, kio pli motivas Adjévi, tio estas ne nur la memoroj de lia vilaĝo, sed ankaŭ la kuraĝo kaj la tenaceco kun kiuj tiuj tekstoj origine parolaj estis transskribitaj kaj tradukitaj al lingvo, universala sed kiu, farante sian vojon ankoraŭ ne atingis sian destinon. Esperanto, malgraŭ sia universaleco kaj kapablo esprimi ĉiaspecan penson restas relative minoritata kompare kun aliaj lingvoj kun internaciaj trajtoj. Alie, kiom da homoj scipovas Esperanton en la vilaĝo de Anjronkope kiu konsistigas iel fonton de lia inspiro? Al kiu do adresiĝas tiu skribo? Tiele la entuziasmo kaj temerareco de Adjévi Adjé volorigas ĉar li elmontris per la pruvo ian orginalecon kompare kun iuj afrikaj verkistoj, rilate al la elekto de la lingvo.

La aŭtoro de la libro elektis publikigi pure afrikajn realaĵojn en Esperanton ĉar lia unua intenco estas disvastigi la lingvon en Afriko kaj uzi ĝin por diskonigi tiujn realaĵojn en la mondo. Poste, li volis montri sian kapablon kaj lingvoscion. Tiu ĉi libro estas aldonita valoro al la propagandaj klopodoj de la kulturo kaj laŭgrade kiam evoluas Esperanto, ĝi ankaŭ konos ĝian evoluadon, sed la atend-horizonto diros al ni pli. Fine, la deziro de Adjévi estas konservi lian kulturon kiu tutkomplete ŝanĝiĝas kaj transformiĝas, eĉ malaperas favore al tiu de la okcidenta mondo.

**Sekvo en *Babilanto* n-ro 03**

**(NOUWOATSI Kossi Sénam)**

# Lomeaj esperantistoj kleriĝis pri ekster lingva temo

Franca esperantistino, Klara Lauffenburger, vizitis lomeajn esperantistojn, antaŭ kaj post sia profesia restado en orfejo de Kpalime, la 2-an kaj la 18-an de oktobro 2013. Ŝin akompanis Joe kaj Adjé Adjévi al Instituto Zamenhof, kie ŝi konatiĝis kun la lernejo kaj ties gefunkciuloj kaj ankaŭ faris prezenton dum du horoj pri la profesia karaktero de sia ĉeesto en Togolando.



La gastinon poste akceptis membro de la Afrika Komisiono de UEA en Nukafu. Klara kaj ŝia akompananto Joe vizitis la domon, specife la komunajn partojn: ĝardeno, salono ktp. Ŝi ricevis flugfoliojn por disdoni dum siaj vojaĝoj kaj adresojn de esperantistoj dis-semitaj tra la lando por eventuala kontakto kun ili persone. Liaflanke, Joe ricevis donace la libron *Cours Rationnel Complet d' Esperanto* kaj foliojn de unuagrada perkoresponda kurso pro interesiĝo pri la lingva lernado.

Dum speciala babilmanĝa kunveno, per kiu Agado por la Progresigo de Esperanto en Togolando (APETo) regalis per frititaj, rostitaj toŭfuoj kaj refreŝigaĵoj ankaŭ aliajn invit-itojn el kiuj troviĝis ĉino Zhu Minghe, s-ino Klara parolis pri la funkciado de la homa cerbo, pri diversaj emocioj (sentoj) kaj kiel regi aŭ orientigi ilin en la bona direkto, en gaja etoso. Deko da membroj de APETo kaj aliaj povis ĉeesti ŝian prelegon. Post la prelego okazis fruktodona debato ene de la grupo, jen en Esperanto, jen en la franca pri ŝia prezentado. Ŝiaj argumentoj, ŝiaj klarigoj, ŝiaj praktikaj ekzemploj kaj ekzerco pri «kora kohereco» ege helpis bone kompreni la temon. Por ĉiuj estis pozitivaj interŝanĝoj. Dankon al Klara Lauffenburger pro sia prezento kaj partopreno en la debato.

Klara estas profesie psikiatro, specialisto pri edukado al personoj kun mensaj problemoj, ŝi estas membro de la strasburga esperantista grupo kaj ankaŭ estas fervora aktivulo pri ekologio. Ŝi revenis al Francio postan tagon sed ŝi revenos venontjare Togolanden (tiam finiĝos ŝia laborkontrato kun la orfejo) por iom pli uzi esperanton kaj turismumi, dum la restado de la ĉina gasto plu daŭras en Lomeo.

Partoprenis: Lawson Téyi Pierre, Aka Komlan, Kansiwze Rachel, Adjé Effoe, Lauffenburger Claire, Zhu Minghe, Kouevigan J. Koffi, Amegadze Yawa, Aholou Agbé, Nouwoatsi Kossi Sénam, Adélan Komi Aménuvé, Tété-Badu Nyinévi, Adjé Adjévi

Petis permeson: Agbassou Kouessanvi, Amékoudi Germaine, Alluya Aichatou.

# 125-a jubileo en Kotonuo, Benino

Okazis en Kotonuo la 3-an de novembro 2012 prelego pri "125 jaroj da justa komunikado per la internacia lingvo Esperanto" en la centro CODIAM en Kotonuo, Benino. Partoprenis proks. 80 personoj. Prelegis Mireille Grosjean

Okazis preparkurso al la ekzamensesio de Internaciaj Ekzamenoj de ILEI/UEA kun 15 partoprenantoj, kaj kurso "Unua Kontakto" kun 26 partoprenantoj en la kulturcentro JoCa en Kotonuo.

Okazis sesio pri la nivelo Unua Kontakto kun 25 sukcesintoj, sesio pri elementa nivelo kun unu sukcesinto kaj sesio pri meza nivelo kun du sukcesintoj.





La tuta organizado estis en la manoj de "Scio Sen Bariloj", kies prezidanto estas Privas Tchikpe el Kotonuo, Benino.

Tiuj agadoj eblis danke al la subteno de ILEI, de la Fondaĵo Esperanto Internacia, de la Rodanalpa Federacio en Francio kaj de diversaj mecenatoj el la tuta mondo (vidu "Scio Sen Bariloj" en eo.wikipedia.org. Ni danku al ili.

La ĉeesto kaj kunlaboro de Adjé Adjévi el Togolando, kunordiganto de Afrika Komisiono de UEA kaj de Latifou Gbadamassi, prezidanto de Asocio de Beninaj Esperantistoj, Landa Asocio de UEA, estis aparte fruktodona.

**Grosjean Mireille**

# Reagoj de niaj legantoj



Gratulojn al la togolandaj esperantistoj pro la nova revuo! Mi bone legis. Dankon! Mi vidis la komencon de vortareto Evea-Esperanta. Estus utile havi tutan vortareton sekvante la vortoliston en unu el la malnovaj šlosiloj.
Amike
Renato **(Italio)**

Saluton,
Nekredeble, ke pere de malgranda Esperanto-informilo el fora afrika Togolando mi Eŭopano ekscias, ke
- tofuo produktiĝas en Burkino
- togolandano iras norden por tie spertiĝi pri la produktado de tofuo, ĉar li interesiĝas pri naturaj nutraĵoj.
Tiaj novaĵoj ne prezentiĝas en Eŭropo, eĉ ne Esperante.
Kiel tion ŝanĝi, mi ne scias :-(
Dankon al vi!
Sabine **(Germanio)**

Kara kolego,



Kun granda intereso mi legis la Babilanton de A ĝis Z.
Mi tre gratulas vin, elkore, pro via laboro por Esperanto en Togolando kaj Burkino, pro viaj raportoj detalaj kaj interesaj, pro via motivigo en via aktiveco. Koran dankon, ke vi dediĉas viajn kapablojn kaj fortojn al nia movado. Mi tre ŝatis la ĉapitron pri via lingvo kaj la klarigoj pri antaŭnomoj. Ni ĉiuj devas koni kaj respekti tiujn afrikajn lingvojn. Tion ni sukcesis fari en la regularo pri Internacia Rajtigita Ekzamenantaro (IRE), kie ni konsideras la lokajn lingvojn.
Mi tre antaŭĝojas, ke mi baldaŭ povos konatiĝi kun vi.
Elkore salutas el Poznan Pollando
Mirejo **(Svislando)**



Kara Adjevi,
Mi ĵus legis en la diskutlisto vian belan kaj interesan revuon "Babilanto". Tio ege interesis min. Mi gratulas vin pro tiu laboro ĉar vi certe perdos multon da tempo por pretigi ĝin. Estas laŭdinda laboro en esperantujo. Homoj aŭdos pri diversaj esperantaj agadoj en Afriko per via revuo.
François HOUNSOUNOU **(Benino)**

Kara amiko,
Mi tre sincere gratulas vin pro viaj fruktodonaj agadoj !!
Vi bone laboras ne nur por afrikanoj sed vere por la tuta homaro.
Mi jam vojaĝis trifoje al Burkino dum la okdekaj en Nuna (okcidenta parto) ĉar tie ni (mi kaj miaj geliceanoj) helpis (mone) al konstruado de pluraj lernejaj ĉambroj. Sed estis antaŭ 25 jaroj ... mi ne plu havas kontaktojn!
Bv saluti ĉiujn viajn familianojn kaj certigi al viaj eklernantoj nian apogon.
René Ballaguy **(Francio)**



Gratulojn pro la revuo Babilanto!
Mi deziras al vi sukcesojn en via plua esperanta agado.
Amike,
Claude Nourmont
Vicprezidanto de UEA **(Francio)**

Saluton, kara samideano,
Multan dankon pro via revuo. Mi ŝatas la vort-trezoron, kiun vi ofertas al ni, atendante ke mi ĝin aŭdos.
Vivu Esperanto, kiu pliproksimigas la homojn!
Kore k amike, via Alain **(Francio)**

# Togolanda kongreso finiĝis sukcese

La 20-a Togolanda Esperanto Kongreso (TEK) sukcese finiĝis en la Instituto Zamenhof en Lomeo sub la temo: “Esperanto kaj ni“. Ĝin organizis Unuiĝo Togolanda por Esperanto (UTE) la 21-an kaj la 22-an de decembro 2012.

Jen estas konciza raporto pri la kongreso
Elektoj de novaj organoj:
Estraro de UTE :
Prezidanto: Adjévi Adjé
Vicprezidanto: Akpayedo Kodjo
Sekretario: Agbéhou Ayaovi
Vicsekretario: Avoussou Folly Olivier
Kasisto: Sassou Eweo Valentine

Estraro de JOTE (junulara sekcio)
Prezidanto: d’Almeida D. Komlan
Vicprezidanto: Agbéhou Koffi
Sekretario: Koufionou Koffitchè
Vicsekretario: Koffi Codo Ignace
Kasisto: Alaté Kossi



# Zamenhofa Tago en Lomeo kun internacia etoso

Pasis nur kelkaj jaroj post mia translokiĝo al la domo 692 ĉe la strato *Fidélité*, sed la loko jam fariĝis kara kaj preskaŭ tradicia por lomeaj esperantistoj kaj simpatiantoj. La franca nomo de la strato signifas "fideleco" kaj ĝi ideale kongruas kun nia investo al la disvastigado de esperanto. Temas pri la impreso, kiun oni ankaŭ havas kiam oni rigardas la disvolviĝon de la Zamenhofa Tago organizite de APETo, la 16-an de decembro 2012 la domo.

Ĉi jare la festo laŭ sia enhavo klare dividiĝis al labora kaj distra partoj. En la unua parto estis ĝenerala kunsido de APETo, en kiu oni parolis pri la agadoj en la kuranta jaro kaj pri tiuj en la tuj komenciĝonta jaro. Okazis ankaŭ prelegoj: Kouevigan Koffi Jérome, la prezidanto, brile prezentis pri la vivo de Zamenhof, ĉina e-isto Zhu Minghe prelegis pri la internacia komerco pri kio eblis spekti filmon en bonaj kondiĉoj ĉe la fino de la tago kaj siavice, Nouwoatsi Kossi Sénam gvidis la diskuton pri la "solidareco". Dum ĉi lasta ero, ĉiuj ĉeestantoj provis prezenti sian komprenon kaj koncepton pri la temo kaj sekvis viglaj interŝanĝoj pri ĝi.

Aliflanke, la organizantoj faris unu surprizon - ili disdonis al ĉiuj kalendarojn 2013 de la franca junulara organizo kaj krome la novuloj ricevis flugfoliojn pri esperanto kaj unua folio de la kurso Ferez. Poste okazis en la beleta ĝardeno gustumado de refreŝigaĵoj kaj tipaj afrikaj manĝaĵoj lerte kuiritaj de "ĉefoj". La distran parton kompletigis la aŭskultado de esperanto melodio danke al nia ĉina amiko.

La tago estis memorinda pro tri aferoj: a) unua datreveno de APETo; b) ĉeesto de la ĉina amiko, kiu omaĝe parolis pri sia esperantista vivo kaj c) koincido de la aranĝo en la domo kun kunveno de la membroj de la hispana organizaĵo "*BAOBAB",* kies loka ĉefkunordiganto estas esperantisto Tete-Badu Nyinévi. Ĉi tiu grupo plejparte gestudentoj de la universitato de Lomeo ankaŭ informiĝis pri nia komuna lingvo.

Zamenhofa Tago havis pli ol kontentigan rezulton. Unue, ni havis tri landajn partoprenantojn (1ĉinio, 1hispanino kaj 21 togolandanoj), kiel antaŭvidite kaj ni komune sukcesis krei nekredeblan, vere internacian impreson de amikeco; due, esperanto atingis grandan nombron da homoj inkluzive la grupo de *Baobabo* kaj trie, estis interese vidi kiel esperantistoj lerte praktikis la lingvon en la tradukado de la franca al esperanto kaj de esperanto al




la franca, kaj ĉi jare brile montriĝis en tiu arto s-ro Kouevi Ekoue Mawuto. Li tradukis ĉiujn prezentojn. Sinceran dankon al li kaj aliaj, kiuj helpis por ke niaj neesperantistaj gastoj povis sekvi la prelegojn en unu de ili parolata lingvo.

Mencioj pri la 20-a Togolanda Esperanto Kongreso, kiu okazos unuafoje en Lomeo en Instituto Zamenhof de la 21-a ĝis la 22-a de decembro 2012, kaj instigo al homoj aliĝi al ĝi ankaŭ aŭdiĝis dum la aranĝo. La rezulto estis, ke du partoprenantoj tuj pagis sian kongresan kotizon.

En la venonta jaro ni ankoraŭ festos, espereble, kun pli multaj virinaj partoprenontoj kaj invito de ĵurnalistoj se nia financostato ebligos tion… sed jam se vi intencas viziti Togolandon, kio tre ĝojigus nin, bonvolu kontakti nin, ni organizos vian alvenon. Estus interese, se vi venus kaj prelegus pri via hejmlando aŭ fako dum unu el niaj multaj aranĝoj venontjare.

La domon 692 oni povas atingi veture dum 8 minutoj el la flughaveno de Lomeo laŭ la bulvardo de la «paco». Ĝi staras preskaŭ centre de la ĉefurbo en la kvartalo Nukafu, kaj piede 6 minutojn de la kvartala bazaro, de kie eblas aĉeti ĉion, kion oni deziras kaj veni mem kuiri. La domo estas privata, ĝi havas multajn ĉambrojn kaj ankaŭ 2 gastoĉambrojn. Unu el la ĉambroj ankaŭ rolas kiel la sidejo de la organizaĵo *Baobabo*.

# Retrorigarde al 2012

Kiam oni retrorigardas la ĵus finiĝintan jaron 2012, oni certe rimarkas ke APETo plenumis sian jaran programon kun sukceso, ke ĝi alportis ion novan, kio certe donas novan elanon nun en la disvastigado de esperanto en Togolando, eĉ en Afriko.

Tiu ĉi sukceso eblis danke al subtenoj financa, morala kaj materiala de la Afrika Komisiono, *Esperanto plus*, Jean Codjo, *Orange Bleue Afrique*, Jeanne Marie Cash, SAT Amikaro kaj Sabine.

Al ĉiuj ni elkore dankas tie ĉi.

Jen kelkaj gravaj, memorindaj paŝoj, atingoj en 2012:

- starigo de "babilmanĝoj"
- eldono de la revueto *"Babilanto"*
- lingvaj kursoj ĉeesta, perkoresponda en Lomeo kaj en la lando
- akcepto de eksterlandaj esperantistoj
- informoj pri esperanto en la centro Mytro Nunya, http://www.mytronunya.info
- unumonata deĵoro en Burkino por formi la respondeculojn de la organizaĵo OBA al esperanto
- organizo de la Tago de Zamenhof
- informbudo en la universiato de Lomeo kunlabore kun UEA
- deĵoro novembre en Kotonuo, Benino por sesio de la internacia ekzameno de ILEI/UEA
- eldonigo de pluraj esperantlingvaj flugfolioj, banderoj kaj ŝildegoj
- kreo kaj flegado de: http://www.ipernity.com/doc/adje-adjevia ;/doc/apeto

**Estraro**

# Benino, la lando de la 5-a Afrika Kongreso de Esperanto

Afrika Komisiono de UEA ĝojas anonci, ke la kvina Afrika Kongreso de Esperanto (AKE) okazos de la 29-a de decembro 2013 ĝis la 4-a de januaro 2014 en Kotonuo, la plej granda urbo el Benino. La kongreson realigos Afrika Komisiono pere de Asocio de Beninaj Esperantistoj (ABeE) kun la neregistara organizo Scio Sen Bariloj (SSB).




Provizora temo estas "Esperanto – kontaktlingvo inter afrikanoj, inter Afriko kaj la cetera mondo por justa komunikado". En tiu temo estas nia intenco, elmontri pri la rolo kiun Esperanto povas aŭ volas ludi kaj avantaĝoj kiujn la uzantoj povos eltiri el Esperanto mondskale: kresko de interkontinenta solidaremo, pli da fruktodonaj interŝanĝoj inter Afriko kaj la cetera mondo.

Estos jam la dua fojo, kiam Afrika Kongreso gastos en Benino, ina beno de Afriko. Unuan fojon ĝi tie okazis en la 1991-a jaro en la sama urbo kaj estis tiam la dua Afrika Kongreso. Benino estas ne nur historie interesa kaj grava, sed ankaŭ estas taŭga, por ke afrikanoj ĝoje renkontiĝu kune kun samideanoj el aliaj kontinentoj unu semajnon, praktikante la lingvon pli vigle.

La kongresejo estas la hotelo Havre de Paix, kio signifas franclingve "pachaveno". Plia tranoktejo estas hotelo Odjala (feliĉo). La kondiĉoj surloke kaj kunlaboro kun la internacia kongresa organiza teamo kies prezidanto estas veterano Privas Tchikpe, permesas al ni esperi je tre sukcesa Tutafrika Kongreso kun multegaj eblaj partoprenantoj el la tuta mondo.

Afrika Kongreso estas bonega eblo por ebligi kunvenon de minimume po unu persono el ĉiuj 17 afrikaj landaj asocioj (LA) kaj kluboj de UEA. Ebligi kunvenon (fizikan) de Afrika Komisiono. Ebligi kunvenon de esperantistoj el la tuta mondo kun afrikanoj. Ebligi al la beninaj komencantoj rilati kun eksterlandanoj, nutri ilian motivigon en la lernado de Esperanto. Ebligi al ne beninanoj viziti Beninon kaj konatiĝi kun ĝia riĉaspekta kulturo.

Benino troviĝas en la okcidenta parto de Afriko kaj havas buntan kulturon, vizitindajn kuriozaĵojn kaj aparte bongustan kuirarton. La lando najbaras al Togolando okcidente, Atlantika oceano sude, al Niĝerio oriente kaj Burkino kaj Niĝerlando norde.

Se vi ne povas veni persone kaj ĉeesti la kongreson fizike — ni ege petas vin subteni la kongreson per financa helpo kaj subvencii partoprenon de kiom eble pli da aktivaj esperantistoj el Afriko per donaco al Afrika Fondaĵo de UEA, ĉiam kun indiko „5-a AKE". Bonvenas ankaŭ ĉiuspecaj kontribuoj (libroj, esperantaĵoj, flago, t-ĉemizo ktp) de vi kaj de viaj organizoj por ebligi dumkongresan aŭcion kaj kvizon, kies profito iros al la kaso de la landa asocio de Benino (ABeE).
Ni ege petas vin ankaŭ bonvoli plusendi tiun ĉi komunikon al viaj klubaj, landaj, regionaj kaj kontinentaj listoj.

Pliaj komunikoj, informoj pri la 5-a Afrika Kongreso de Esperanto regule haveblas per la bulteno "Esperanto en Afriko", la Afrika Komisiona retpaĝaro http://www.esperanto-afriko.org kaj per aliaj informiloj.

**Afrika Komisiono de UEA**

# Apprenons l'Ewe / Lernu Evea-n/ Mie srɔ Eʋegbe

Savez-vous parler l'Ewe? / Ĉu vi scipovas Evea-n ?/ **Enya Eʋegbedodoa ?**
Parle-nous du Togo/ Parolu al ni pri Togolando/ **Ƒo nu tso Togo ŋuti na mi**
Il fait chaud/ Varmas, la vetero estas varma; estas la suno/ **Dzodzo li/ Yame xɔ dzo/ Ɖudɔ le**
Je te souhaite une bonne santé/ Mi deziras bonan sanon al vi/ **Miedi lamese na wo**
Aimes-tu le foufou ?/ Ĉu vi ŝatas manĝi Fufu ?/ **Ɖe nelɔa fufua ?**
J'aime chanter/ Mi ŝatas kanti/ **– Melɔa hadzidzi**
Je t'aime/ Mi amas vin/ **– mele lɔwom. Melɔ wo**
Comment t'appelles-tu ?/ Kiel vi nomiĝas? / **– Aleke woyɔna wo ?**
Je m'appelle Kofi/ Mi nomiĝas Kofi/ **– Woyɔnam be Kofi**
Il est l'heure de passer à la table/ Estas tempo manĝi/ **– Game su na nududu**
Appelle les enfants/ Voku la infanojn/ **– Yɔ deviawo**
Chaque jour, Kofi travaille/ Ĉiutage, Kofi laboras/ **– Gbesiagbe la, Kofi wɔa dɔ**
Cet arbre/ Tiu arbo/ **– Ati sia**
Ce gros arbre/ Tiu dika arbo/ **– Ati lolo sia**
Manguier/ Mang-arbo/ **– Maŋ-goti**
Le livre de Kofi/ La libro de Kofi/ **– Kofi ƒe agbale**
Le père de Kofi/ La patro de Kofi/ **– Kofi tɔ**
La voiture du professeur/ La aŭto de la profesoro/ **– Nufiala ƒe ʋu**
L'arbre qui est tombé est un oranger/ La arbo kiu falis estas oranĝarbo/ **– Ati si mu la nye ŋutiti**
Bonne arrivée, bienvenue (merci)/ Bonvenon (dankon)/ **- Miawoe zɔ (Yooo)**
Quel est ton nom?/ kiu estas via nomo ?/ **- ŋkɔwo ɖe?**
Mon nom est .../ Mia nomo estas…/ **- Nye ŋkɔ tɔ ...**
Excusez-moi/ Pardonu min/ **- Kafla. Meɖekuku**
S'il vous plaît/ Mi petas/ **- Meɖekuku**
Bonne journée / Bonan tagon/ **- Ŋkeke nyui nawo**

# Résolution du 20e congrès national de l'Union Togolaise pour l'Esperanto

Réunis à Lomé du 21 au 22 Décembre 2012, 104 participants ont discuté et réfléchi sur le thème: "Esperanto et nous"

Ayant entendu les différentes contributions à ce sujet,

Considérant que l'Espéranto n'est pas seulement une langue mais un identificateur,

En étant d'accord que l'Esperanto apporte plus de bien que de mal, et en étant conscient de la diversité et l'ampleur des contributions (salutaires, relationnelles ...)

En étant d'accord que l'Esperanto contribue à la paix, crée un cercle harmonieux humain et familial

**Recommande que**:

- Chacun travaille plus pour la solidarité
- La solidarité doit être sincère et sans l'hypocrisie
- Les espérantistes africains surtout togolais enracinent davantage la langue dans leur vie pour plus de bons fruits
- Chacun à présent en retour aide l'Esperanto à se développer dans le monde entier.

Fait à Lomé, le 22 Décembre 2012.
**Le Congrès**